Mutig vorwärts! ‘ **Aŭstria Esperantisto** ‚Kuraĝe antaŭen‘

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

8a jaro. N-o 12 Monata Decembro 1931

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Aus aller Welt.

**Fürstentum Lichtenstein gibt neue Bildpostkarten heraus.**

Zum zweitenmale werden jetzt amtliche Postkarten (2 Serien zu 10 Stück) mit interessanten Ansichten des Landes, das wegen seiner landschaftlichen Reize immer mehr die Fremden anlockt, in Zweifarbendruck herausgegeben. Die Karten tragen die Aufschriften „Postkarte“, „Carte Postale“ und „Poŝta karto“ (Esperanto) und der erläuternde Text zu den Bildern ist in deutscher Sprache und in Esperanto.

Die erste Ausgabe amtlicher Postkarten, bei denen Esperanto Verwendung fand, erfolgte 1930.

(Abdruck in Tageszeitungen erbeten. 2 Beleg-Exemplare wollen an das Int. Esp.-Museum in Wien gesandt werden.)

**Graf Julius Zichy**, Erzbischof von Kalocsa, über Esperanto:

„Die hohe Lehre des göttlichen Beglückers, Verbreitung des Reiches Christi mit allen Mitteln zu fördern, ist unsere apostolische Pflicht! Die Sprache Esperanto im Dienste dieser großen Idee ist außerordentlich nützlich. Darum empfehlen wir sie aufrichtig den eifrigen Aposteln unserer guten Sache und wir wünschen reichsten Segen für ihre erfolgreiche Verbreitung!

Kalocsa, 24. Juni 1931.

An der **Deutschen Technischen Hochschule** in Prag beginnen heuer Vorlesungen für Esperanto. Lektor Dr. E. Michal. Die **Technische Hochschule in Wien** war die erste, die ein Lektorat für Esperanto errichtet hat.

**Esperanto-Lektorat.** An der Universität in Liverpool hielt Univ.-Professor W. E. Collinson, Mitglied der Esperanto-Sprachen-Akademie, am 10. Oktober seine Antrittsvorlesung über „Struktur des Esperanto im Vergleich mit jener verschiedener Nationalsprachen“. Das neue Lektorat wird erhalten aus dem Fond „John Buchanan“.

Im „Le Matin“ vom 26. Okt. erzählt Louis Forest eine Episode, die sich am 22. Oktober zugetragen hat.

Der Präsident der französischen Republik, Herr Paul Doumer, hatte die Mitglieder der Internationalen Handelskammer zu einem Frühstück eingeladen. Unter den fremdländischen Delegierten sah man auch den Präsidenten der Handelskammer von Paris, Herrn André Baudet. Der Präsident Doumer fragte Herrn Baudet: “Nun, haben Sie eine Verständigungssprache gefunden?“

In diesem Augenblicke meldete man den australischen Delegierten Faraker. Baudet wendete sich in Esperanto an ihn und es begann eine lebhafte Konversation in Anwesenheit des Präsidenten Doumer zwischen zwei Menschen, von denen der eine nicht französisch, der andere nicht englisch verstand.

**Old Arnessen**, Mitglied der Nobile-Expedition, hat ein Buch über die Nordpolfahrt der Italia verfaßt, dessen norwegische Ausgabe zuerst in Esperanto und aus diesem in die tschechische und japanische Sprache übersetzt wurde.

**Finnland:** Die amtlichen Fahrpläne der finnischen Eisenbahnen enthalten eine erklärende Uebersicht in Esperanto. die für die ausländischen Reisenden bestimmt ist.

Das **Handelslexikon „Larousse Commercial“** enthüllt einen Abschnitt über Esperanto, dessen Gebrauch im internationalen Handelsverkehr empfohlen wird.

**Esperantokurs für Anfänger** jeden Donnerstag, 19-20 h im Heim des „Kath. Kreuzbündnisses“, Wien I. Judenplatz 8/I. Anschließend (20-21·15 h) Uebungs- und Konversationsabend für Vorgeschrittene (Dienstbarmachung des Esperanto für die katholische Enthaltsamkeitsbewegung).

# La XXIV en Paris.

**Parizo.**

Ĉiuj jarcentoj postlasis signojn en Parizo en formo de palacoj, preĝejoj, domoj kaj ĉiuspecaj nekompareblaj ĉefverkoj.

Jen la „Cité", naskiĝejo de la urbo, kie vivis meze de la „Seine", sur insuloj, en mizeraj kabanetoj, la unuaj loĝantoj kaj kie nun staras la ĉefpreĝejo „Notre Dame", proksime de la Ĉefjuĝejo: la dia apud la homa juĝejo.

„Esplorante Parizon, laŭ la historio, same kiel oni esploris Herculanum, oni estas devigata senĉese rekomenci la laboron . . . Kelo purigita montras kavon obstrukcitan. Sub la teretaĝo estas kripto; pli malsupre sub la kripto, jen kaverno; malsupre de la kaverno, jen tombo; malsupre de la tombo, jen profundegaĵo, estas la celta nekonataĵo. Esplori ĉion, estas malfacile . . ."

Ĉiuj reĝoj kaj ĉiuj registaroj laŭvice plibeligis la urbon per novaj konstruaĵoj, novaj stratoj, novaj placoj . . . . Jen la palaco de la roma imperiestro Konstanco Ĥloro kaj poste de imperiestro Juliano: la palaco de „Thermes"; jen la fortikaĵo „Louvre", kiu fariĝis palaco de la reĝoj, kaj nune estas grandega fama muzeo; jen la preĝejo „Saint-Chapelle", mirinda juvelo, konstruita sub la reĝado de S-a Ludoviko; jen la „Panthéon" kun la tomboj de la plej famaj Francoj; jen la palaco de „Invalides" kun la tombo de Napoleono I-a; jen la memoraĵoj de la granda Revolucio en la muzeo „Carnavalet"; jen, inter la grandega placo de la „Concorde" kaj la Triumfarko de l' „Etoile", la belega avenuo de „Champs-Elysées"; jen la Eiffelturo; jen . . . sed necesus senlima spaco kaj senlima tempo por dece priskribi ĉiujn mirindaĵojn de Parizo.

Atendindaj estas ne nur la monumentoj aŭ aliaj materialaj logaĵoj. La karaktero de la urbo ankaŭ estas interesplena. Ĝi ŝanĝiĝas ja laŭ la kvartaloj. Plej viva, brilega, luksega, spritega — priparolante tian urbon oni estas devigata uzi p i ol kutime la sufiskon „eg" — ĉe la grandaj bulvardoj, ĉirkaŭ la Operejo, la preĝejo „La Madelaine", kaj la strato de la „Paix", tiu karaktero iĝas severa ĉe „Faubourg Saint-Germain", kun la privataj luksaj domoj; gaja kaj fantazia en „Montmatre" kaj nune en „Montparnasse", kun la kafejoj kaj kabaretoj, kaj la amuzejoj, ĝi estas serioza, laborema en „Faubourg Saint-Antoine", kun la lignaĵistoj kaj meblistoj, aŭ en „Marais" kun la fabrikantoj de bronzaĵoj, kaj intelekta en la Latina Kvartalo, la kvartalo de la studentoj kaj de la gravaj lernejoj.

„Urbo de plezuroj kaj de eleganteco, sed ankaŭ urbo de laboro honesta kaj vigla, Parizo estas ĉiam la Lumurbo, la centro, el kiu eliras la noblaj ideoj, la liberigaj formuloj de l' arto, la grandaj direktoj de l' penso."

**Dato:** 30. julio—6. aŭg. 1932.

**Kongresa oficejo:** La Maison de France, 101, Avenue de Champs Elysées, Paris VIII.

**Banko:** La Société Générale, Paris.

**Kotizoj:** 125 fr.fr.; post la 1. julio 200 fr.fr.

---

**Karavano aŭstria:** Reg.-kons. Steiner aranĝos karavanon al Paris. Detaloj estos sciigataj post ricevo de precizaj informoj el Paris. Sed jam nun ni povas diri al vi, ke tiu ĉi vojaĝo estas la plej malmultekosta ebleco viziti Paris-on kaj belegan mondkongreson. La kotizon vi devas sendi al Paris mem. Ĉar nuntempe estas neebla sendi fremdan valuton alilanden, mi priparolos la aferon skribe kun la Komitato de XXIV. kaj informos vin en la januara numero pri la pagmaniero ktp. — Interesuloj sin anoncu ĉe IEMW.

---

# Nova oficiala propaganda vojaĝo en Eŭropo.

## Reg. konsil. Hugo Steiner, Wien, sendito de ICK.

Jam de longe oni konvinkiĝis, ke la propagando, helpita de eksterlandanoj, estas la plej efika. Samideanoj el plej diversaj landoj dum pluraj jaroj sekvis inviton de interesitaj grupoj, kluboj ktp. Aliaj ankaŭ sen preparo kaj sen programo aperis diversloke por ricevi inviton. Ĉiuj tiuj aranĝoj havis relativan valoron por nia movado, sed ili ne okazis laŭ unueca cel-ideo. Tion unuan fojon faris ICK, kiam ĝi organizis la mondvojaĝon de s-ro Scherer, per kiu ĝi, kiel gvida centro de la E.-movado, alportis sian praktikan helpon al grupoj, kluboj, societoj tra la tuta mondo. La aranĝo antaŭvidis propagandon publikan kaj laboron organizan internan. La laboro de s-ro Scherer estis grandega sukceso en Oriento malproksima, kaj tute aparte en Eŭropo ĝi trovis eksterordinaran akcepton. S-ro Scherer ne povis resti surloke plilongatempe. Tion dum la nunaj cirkonstancoj neniu propagandisto povos eĉ ĉe plej granda streĉo de niaj ekonomiaj fortoj. Tamen estss dezirinde, ke la instigata laboro ne estu interrompata. La sekreto de l' sukceso estas kontinueco regula de ĉiuj klopodoj.

Pro tio ICK de kelka tempo jam okupas sin pri la finaranĝoj de nova pervojaĝa propagando en Eŭropo. Sinsekve oficiala sendito de ICK vizitos la landojn, kie helpo al la propagando estas bezonata.

Por la unua parto: Orient-Eŭropo, Baltaj Ŝtatoj kaj Skandinavio, s-ro reg. kons. H. Steiner, Vieno, estas sendito de ICK. Pri la ceteraj vojaĝoj publikaj informoj estos donataj ĝustatempe.

## Kiu estas s-ro reg. kons. H. Steiner?

(Nun sekvas rekonaj vortoj pri la ĝisnuna agado en Esperantujo. Legeblaj en Heroldo n-ro 649.)

Estas utile diri, ke la nuna vojaĝo, organizata de ICK, okazas en interkonsento kun la Ĉefdirekcio de la Ŝtata Konfederacia Fervojaro en Aŭstrio.

S-ro reg. kons. Steiner kunportos oficialan rekomendon al la aŭstriaj ambasadoroj kaj konsuloj en la landoj koncernataj. Ne estas ia dubo pri tio, ke tiaj valoraj helpiloj faciligos la lokan organizon de tiu ĉi entrepreno.

### Kion celas la vojaĝo de s-ro reg. kons. Steiner?

La programo de la vojaĝo enhavas:

1. **publikajn paroladojn** kontraŭ honorario pri Aŭstrio, en Esperanto, akompanatajn de lumbildoj kaj filmoj kun traduko nacilingva;
2. **internajn paroladojn** senpagajn, sen traduko, pri fak- kaj specialpropagando kun praktika elmontrado de labormaniero sur bazo de propraj spertoj.

### Voj-iro.

La datoj de restado estas fiksitaj provizore laŭjene:

**Polujo** (12 tagoj) 10. I.—21. I.,
**Dancigo** (2 tagoj) 22. I.—23. I.,
**Litovio** (6 tagoj) 24. I.—29. I.
**Latvio** (8 tagoj) 30. I.—6. II.,
**Estonio** (10 tagoj) 7. II.—16. II.,
**Finnlando** (8 tagoj) 17. II.—24. II.,
**Svedujo, Norvegujo** (20 tagoj) 25. II.-15. III.
**Danujo** (7 tagoj) 16. III.—22. III.

La voj-iro estas provizora. La definitivaj datoj estos fiksataj post ricevo de ĉiuj invitoj. Ĉiujn invitojn adresu al via nacia societo por aranĝo laŭ interesoj de la tutlanda propagando. Laŭ ĝia propono la Oficejo de ICK fiksos la definitivan voj-iron, datojn ktp.

**Lasta dato de anonco: 20. dec. 1931.**

### Ĝeneralaj rimarkoj.

La vizito de s-ro Steiner donos eblecon por vizito de aŭtoritatoj, institucioj, redakcioj ktp. S-ro Steiner estas konvene preparita por tiaj vizitoj tre rekomendindaj.

Ĉi tiu vojaĝo helpos multparte firmigi la propagandan situacion en tiuj lokoj, en kiuj jam paroladis la speciala delegito de ICK, s-ro Scherer.

**Samideanoj!** Ne ĉesu en la laboro. La tempo estas malfacila ĉie en la mondo. Ne perdu kuraĝonj Ĝuste dum malfacilaj tempoj miraklaj agoj jam estas faritaj. Halto signifas interrompon. Nur la kontinueco certigas progreson kaj sukceson. Montru vin indaj je la proponita helpo de ICK, kiu vivante mem en tiei malfacilaj kondiĝoj kiel vi, ne ĉesas esti je via dispono.

**Eklaboru!**

(Ekstrakto el artikolo de ICK en Heroldo)

## Scherer en Aŭstrio.

**Grandaj surprizoj por s-ro Scherer!**
**Sole en Wien dum 4 tagoj 7 publikaj kaj 1 Radio-paroladoj!**
**Privataj aŭdiencoj** ĉe

Ŝtata Prezidanto s-ro Miklas
Ĉefministro d-ro Buresch
Ministro por Ekstero d-ro Schober
Urbestro de Wien s-ro Seitz
Ĝeneraldirektoro de Nacia Biblioteko univ. prof. d-ro Bick.

**Multaj artikoloj kaj notoj en la gazetaro.**

---

S-ro Scherer alvenis en Wien la 27. de novembro kaj faris sian unuan publikan paroladon en popolaltlernejo Urania. Plena domo, 320 aŭskultantoj. Grandega aplaŭdo. Ciuj bedaŭris, ke la parolado post du kaj duono horoj finiĝis.

La 28. nov. Scherer, akompanata de la raportanto, estis akceptata de Ŝtata Prezidanto de Aŭstrio, s-ro Wilhelm Miklas, kiu eksterordinare afable bonvenigis kaj sidigis nin en sia prezidanta laborsalono. Scherer dankis pro la honoro de akcepto en aŭdienco kaj raportis pri sia vojaĝo kaj propagando por Int. Esperanto-Muzeo en Wien (IEMW), kies alta protektanto lia moŝto estas. S-ro Prezidanto demandis: „Ĉu vi jam estis en la belega hejmo de la muzeo en la plej bele situata salono de Neue Burg (iama imperiestra kastelo)?“ Scherer diris, ke li ĉirkaŭ la tuta mondo montris la bildon pri la vizito de Via Moŝto en la muzeo, kaj la Prezidanto respondis: „Mi tre ĝojas, ke mia bildo helpis la propagandon por la Esp.-Muzeo.“ La subskribinto anoncis poste al la Prezidanto la baldaŭan komencon de sia trimonata propagandvojaĝo al la nordaj kaj baltikaj landoj, kio tre kontentigis s-ron la Prezidanton. Poste Scherer sufiĉe longe rakontis pri siaj spertoj per

Esperanto dum sia mondvojaĝo kaj la prezidanto kun tre granda intereso aŭskultis. Lia moŝto poste tre afable klarigis, ke ĉi tie, kie ni troviĝas, estis la ejo, kie dum 150 jaroj la sorto de Eŭropo ofte estis decidata. „Ĉe ĉi tiu skribotablo sidis“, diris Lia Moŝto, „la kancelieroj de la iama aŭstria imperio: Kaunitz, Metternich k. a.; en tiu ĉi salonego“, montrante al ni la apudan salonon, „okazis la komitatkunsidoj de Viena Kongreso en 1815. Ĉi tie la ĉefuloj priparolis la aferojn, kompromisis kaj en Säulensaal (salonego de kolonoj) la granda komitato poste konsentis la proponojn“. Scherer dankis al la Prezidanto: „Tiu ĉi min honoriga akcepto restos ĉiam en mia memoro“, kaj afablege la Prezidanto nin adiaŭis.

Kanceliero (ĉefministro) d-ro Buresch estis pro gravaj konferencoj malhelpata nin akcepti kaj anstataŭante lin sekcia ĉefo d-ro Uebelhör, inter la esperantistaro jam konata kiel „bona anĝelo“ de IEMW, bonvenigis nin. Tie estis ankaŭ farata fotografaĵo. Poste d-ro Uebelhör nin akompanis kaj je la elirejo de la prezidanta palaco ni estis fotografataj kune.

La akcepto ĉe la ministro por ekstero, iama kanceliero d-ro Schober, multkonata inter la esperantistaro, estis tre afabla. Kvankam atendis jam du altrangaj personoj en la atendejo, ni estis tamen antaŭ ili akceptataj. D-ro Schober tre interesiĝis pri la mondvojaĝo kaj propagando por IEMW kaj tre ĝojis pri tio, ke Scherer diris, ke aliaj landoj imitas la Esp.-insignon de la Vien-a polico, kiun enkondukis tiama policprezidanto Schober. Kun intereso d-ro Schober aŭskultis ankaŭ la raporton de Steiner pri lia vojaĝo komencota komence de januaro.

Speciale ĝojiga estis la vizito ĉe la ĝeneraldirektoro de Nacia Biblioteko, univ. prof. d-ro Bick, kiu kun granda iutereso kaj ĝojo aŭskultis la raporton de Scherer pri la famo tutmonda de IEMW kaj lia varbado por ĝi. Je la adiaŭo d-ro Bick donacis al Scherer grandan gravuraĵon de Nacia Biblioteko, farita de fama artisto.

Nepriskribebla amasiĝo da vizitantoj okazis posttagmeze kaj vespere ĉe la paroladoj en Akademisches Gymnasium. Ĉeestis 750 kaj 850 personoj, entute 1800 kaj 700, laŭ raportoj de la gazetoj eĉ 1000 personoj devis foriri, ĉar ili ne povis trovi lokon en la sufiĉe granda salonego. La deĵoranta policisto ne sufiĉis, trankviligi la homojn kaj ilin forigi el la antaŭhalo, kaj li telefone petis helpon.

Dimanĉe, la 29. nov., paroladoj en popolkleriga domo Stöbergasse (250 pers.), poste en la sama ejo por esperantistoj (200 p.) kaj vespere en popolhejmo XVI. Ludo Hartmannplatz (450 p.).

La saman tagon postagmeze Scherer parolis el Radio-Wien en germana kaj Esperanto-lingvoj. La enkondukajn vortojn en germana lingvo parolis Steiner.

La 30. nov. Scherer en akompano de Steiner estis akceptata de urbestro de Wien, s-ro Seitz, kiu kun granda intereso aŭskultis la raporton de Scherer pri lia vojaĝo. Scherer ankaŭ diris, ke tutmonde estas konate, ke la urbestro kiel Honora Membro de IEMW helpas Esperanton. La urbestro diris: „Mi opinias, ke speciale por la laboristaro Esperanto estas tre bona kaj necesa. Ili almenaŭ scipovas unu lingvon, kiu ilin povas helpi. Mi tial ĉiam subtenas iliajn Esperanto-kursojn“. Steiner petis la urbestron, veni en la muzeon, kion s-ro la urbestro promesis fari en la plej venontaj tagoj. Por montri al Scherer la grandiozajn konstruaĵojn de la urbo, por helpi la senhejmulojn, la urbestro disponigis aŭtomobilon, kiu kondukis nin al la grandaj domegaroj de la komunumo Wien. Inĝeniero estas speciale je nia dispono, klarigante al ni la interesajn objektojn.

Vespere okazis la lasta parolado de Scherer en kleriga societo IX. Säulengasse (350 p.),

Interese estas, ke ĉiuj aranĝintaj neesperanto-societoj deklaris, ke ili miris pri la bonega vizito, ĉar ili

spertis, ke je similaj paroladoj nur venis duono aŭ ankoraŭ pli malmultaj personoj, kiom ĉeestis la Scherer-paroladojn.

Ni povas esti kontentaj!

En Krems okazis la parolado antaŭ 500 personoj en la festsalonego de instruista lernejo kaj la gazetoj afablege raportis.

En Steyr, malgranda urbo, nun kun multaj senlaboruloj, la vizito estis nur 150 personoj, sed en Linz en „Kaufm. Verein“ kaj en la E.-grupo okazis bonege vizitataj paroladoj. Oni aŭdis laŭ la gazetoj, ke amasiĝis en la publika parolado pli ol 500 personoj.

En Graz en Urania bonega vizito (400 p.). bonega resono en la gazetaro.

El la aliaj lokoj raporto ankoraŭ mankas.

Ni estu fieraj pri la bonega sukceso, kiun ni dankas al la laboroj grandiozaj de Aŭstria E.-Asocio, sidejo nun Linz, kaj Laborkomitato de Vienaj E.-grupoj kaj fine — sed ne last not least — al la laboroj de la grupoj kaj unuopaj samideanoj en la koncernaj urboj kaj lokoj.

Steiner.

S-ano Scherer faris al la esperantistaro de Wien grandan servon; ĝi elkore lin dankante deziras al li pluajn sukcesojn dum lia vojaĝo tra Eŭropo kaj feliĉan hejmvenon. La Wien-a esperantistaro lin ĉiam ĝoje memoros kaj esperas, ke ankaŭ s-ano Scherer agrable memoru la kvar tagojn en Wien.

Labor-Komitato de Vienaj E.-Soc.

Al la agemaj s-anoj, kiuj klopodis, laboregis, subtenis niajn proprajn klopodojn por ebligi la paroladojn, ni esprimas sinceran dankon. Specialan dankon meritas s-ano Hovorka-Wien.

Laborkomitato-Wien prenis sur siajn ŝultrojn la grandan laboron, eĉ monoferon, eldoni „Die Sprache für Alle“, por varbado al Scherer-paroladoj kaj Ĉe-kursoj. Ni deziras, ke la atingotaj sukcesoj rekompensos iliajn pernadojn pliviglígi la E.-movadon en Wien. Pro tio ili estu dankataj.

AEA: K. Wannek, prez.

---

**Kiu helpu nian sanktan ideon?**
**Vi ĉiuj! Do abonu kaj abonigu AE!**

## Por Esperanto per Esperanto.

La plej bona maniero varbi estas montri al la homoj interesotaj la praktikan valoron de Esperanto.

Servi tiel al niaj lando kaj E.-movado kalkul-kons. R. M. Frey dum februaro-marto 1930 faris lumbild- kaj filmpropagand-vojaĝon por Aŭstrio tra la Skandinavaj Landoj.

La 25. novembro 1931 Niederösterreichischer Gewerbe-Verein aranĝis paroladon de s-ano Frey.

Jen ekstrakto el koncerna artikolo de Volks-Zeitung, Wien:

„Pri insuloj kaj fjordoj“. La nordaj landoj, al kiuj Germanujo kaj Aŭstrio jam delonge havas korajn interrilatojn, akiris dum la postmilita tempo per ĝia helpagado al 50.000 aŭstriaj infanoj la rajton je ĉiama danko. Je memoro pri tiu nobla agado de la skandinavaj popoloj kalkulkonsil. R. M. Frey iniciatis vojaĝon „por Aŭstrio“ tra Svedujo, Danlando kaj Norvegujo, kiu estis estis organizata de la E.-unuiĝoj de tiuj 3 landoj. S-ro Frey raportis pri sia varb-vojaĝo por Aŭstrio tra la landoj de la insuloj kaj fjordoj en la pompa festsalonego de Niederösterr. Gewerbe-Verein kun 100 belegaj lumbildoj kaj filmoj, kiuj en Wien estis nun montrataj da unuan fojon.

La preleganto priskribis . . .

Al la interesaj priskriboj sekvis multnombra aŭskultantaro inter kiu i. a. troviĝis kardinalo ĉefepiskopo d-ro Piffl, la iama ŝtata prezidanto d-ro Michael Hainisch, princo Eduard Liechtenstein (el la reganta linio), la sveda ambasadoro Ulf Tornsten Undén, la gvidanto de la dana ambasadorejo V. V. Broch, la norvega ĝeneralkonsulo Werner Werenskiold, la jugoslava ĝeneralkonsulo Josimovic kun gazetar-ataŝeo Parezanin, la reprezentanto de la ĉeĥoslovaka ambasadorejo legacia sekretario Ŝrom, la iamaj ministroj prelato d-ro Innitzer kaj Thaler kaj reprezentantoj de la kancelierejo, ministerioj por Ekstero, Komerco, Financoj, Milito . . . . La salonego estis plenplena.“

La parolado estos ripetata en aliaj distriktoj de Wien. S-ro Frey speciale rimarkis, ke reg. kons. Steiner, helpe de ICK kaj de la ĝeneraldirekcio de la aŭstriaj fervojoj komence de januaro ankaŭ faros propagandvojaĝon tra la skandinavaj kaj baltikaj landoj. La parolanto ankaŭ atentiĝis pri la paroladoj de Scherer, kiu same kiel li mem nur pere de Esp. povis atingi tiajn sukcesojn.

Speciale presita programo montris la helpon de Esp. kaj de plej altrangaj oficialaj instancoj al la entrepreno de s-ro Frey.

Je permeso de ĝeneralsekr. de Gewerbe-Verein, reg. kons. d-ro Richter, Viena Labor-Komitato post la parolado de Frey disdonis „Die Sprache für Alle“, kiu certe varbis multajn personojn. Steiner.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz. Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

La 12. dec. Ministro Jules Lukasiewicz, ambasadoro de Polujo en Wien, akompanata de legacia sekr. barono Korsak, visitis la muzeon kaj restis tutan horon. La ambasadoro raportos al sia registaro.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·50**)

313. Lossos Karl, Graz; 314. D-ro Eugen Omelskyj, Cernauti, Ruman.; 316. Dir. J. Uhlmann, Wien.

**Materialo ricevita:**

600. Bahai-Arbeisgemeinschaft, Wien; 601. Kazua Tubota, Kauazaua, Japan.; 602. Red. de „Adreslibro de Polaj Esp.“, Warszawa; 603. Ŝoren Inada, Kioto Japan.; 604. dir. Jos Schamanek, Unt.-Tullnerbach; 605. J. E. Hokham, Teddington, Angl.; 606 k. 623. Sveda E.-Eldonejo, Stockholm; 607. Int. Relations Committee, Nanking, Ĥin.; 608. Naokazu Kawasaki, Osaka, Jap.; 609. Sundswalls E,-Förening, Sundswall, Sved.; 610. Belisma Koopera Kulturejo. Katurajama, Jap.; 611. H. Sentis, Grenoble; 612. D-ro W. Biehler, Graz; 613. Deutscher E.-Bund, Dresden; 614. D-ro L. Dreher, Kraków; 615. Oskar Svantessen, Göteborg, Sved.; 616. k. 625. Germana E.-Asocio, Wiesbaden; 617. A. H. Broughton, Birmingham; 618. Steierm. Landesbibliothek am Joanneum, Graz; 619. Oest. Arb.-E.-Bund, Grupo Bruck a. M.; 620. Fürstl. Liechtenstein'sche Landesregierung, Vaduz; 621. E.-Propaganda Asocio, Kameoka, Jap.; 622. Generalkonsulat v. Lettland, Wien; 624. D-ro L. Sergeant, Boulogne s. M.; 626. Willy Heinze, Oberlössnitz; 627. 627. Oesterr. Verkehrsbüro, Wien.

## Internacia Gazetara Servo.

Informilo de la Internacia Gazetara Komisiono, komisita de ICK.

Sub ĉi tiu titolo la unua numero aperis oktobre.

Membroj estas: Georges Avril, Nice, 60 Bld. Auguste Raynaud (prez.), Léon Agourtine, Paris; William Janes, Bedford; C. Schuhler, Saarbrücken: Jak. Schapiro, Bialystok.

La unua numero enhavas: alvokon de prez. Avril, programon de ICK kaj en kelkaj vortoj faktojn pri la progreso de Esperanto.

**Norvegaj geinstruistoj ekŝatas Esp.-on.**

Ankoraŭ antaŭ 3 jaroj la norvega geinstruistaro estis tute indiferenta al Esp. Sed la vigla movado en Svedujo, kreita de pastro Ĉe, donis al Norvega E.-Ligo bonajn ŝancojn, kiujn ĝia prez. kapitano Rolf Bugge Paulsen kaj del. de UEA Arne Arnessen en intima kuulaborado bone eluzis.

Printempe 1930 prezidantoj de instruista kaj instruistina asocioj de Norvegujo, ĉefinstr. A. Kirkhusmo kaj ĉefinstr. Anna Sethne konsentis aranĝi Ĉe-kurson, kiu okazis en la universitato en Oslo, julio 1930, kun granda sukceso. 43 komencis la kurson kaj je ia fino estis 87!

Aŭtune d-ro Fischer el Rumanujo faris duan kurson kun 60 pers.

Dum pentekosto 1931 Arnessen estis invitata je parolado pri „Esperanto kaj popollernejo“ en la kunveno de la distrikto Buskerud. La kunveno unuanime akceptis jenan rezolucion: „Konsiderante la gravan signifon de la helplingvo Esperanto kiel kompreniĝilo inter la homoj, kaj la sendube praktikan utilon de la lingvo por la junularo ni rekomendas al la lernejaj aŭtoritatuloj plej varme subteni ĉiujn paŝojn celantajn enkonduki E.-on en la popollernejojn kaj seminariojn“.

La instruistaj fakgazetoj donas lokon por informoj, en Skolebladet preskaŭ ĉiujsemajne. (Laŭ raporto de Arnessen en IPR)

Niaj aŭstriaj instruistaj organizoj imitu la ekzemplon! Ĉe ni, kvankam ni havas specialan ekzamenkomisionon por E. la geinstruistoj estas tro ofte vere indiferentaj eĉ malamikaj al E. (Vidu Graz).

## Gravaĵoj.

**„Rivista Italiana di Esperanto“** — Udine ne plu aperos post ĉi tiu jaro. Dum 18 jaroj ĝi bone servis al la itala E.-movado.

La revuo estos anstataŭata de januaro 1932 de

„L'Esperanto“,

dusemajna informorgano, kies direkcio estos Torino, Via Goffredo Casalis N. 25. Ĝi aperos en pli granda eldonkvanto kaj atestas per tio novan forton de la itala E.-movado.

**Holanda Esperantisto** de fino 1931 ne plu aperos. 13 jarojn ĝi bone servis la nederlandan movadon, ne nur neŭtralan, sed ankaŭ katolikan kaj laboristan. Nun la katolikoj kaj laboristoj havas siajn proprajn organojn kaj la neŭtrala movado eldonos novan organon „Nederlando-Esperantisto“-n.

**Wien. S-ano Julius Szekely, III. Untere** Weißgärberstr. 49, pretigis belajn multkolorajn kartojn kun E.-teksto por internacia korespondado. Aĉeteblaj ĉe li ankaŭ en la merkredaj kaj vendredaj kunvenoj.

# Dr. Ing. Eugen Wüster

## Internationale Sprachnormung in der Technik.

Dr. Leo Blaas

(Schluß.)

Die Darlegung der **Normungsarbeiten in allen Ländern** der ganzen technisch-zivilisierten Welt erstreckt sich nicht bloß auf ihre Ergebnisse nach der wesentlichen Gruppierung in nationale Normen, international nebeneinander verwendete und vereinheitlichte Normen, nationale und internationale, sprachunabhängige Zeichen, sondern sie deckt ganz im Einzelnen die vielen Schwierigkeiten auf, die sich der Vereinheitlichung und Abgrenzung von Bedeutung, Begriffsform und Lautform entgegenstellen; das Wachstum des technischen Wortschatzes, sprechpsychologische Hindernisse, lexikographische Schwierigkeiten usw. **Es ist erstaunlich**, wie es dem Verfasser gelang, die nur zum Teil in Sammelwerken, meist zerstreut vorfindlichen Sachunterlagen, bis ins Jahr 1931 herauf, durch räumlich und sprachlich! — weitgeschiedene Mithelfer zu sammeln.

Ein solches Werk war nur möglich durch ideelle **Förderung**. Männer der Wissenschaft und Praxis und wissenschaftlich-technische Korporationen aus 18 Sprachgebieten schafften Material heran, wobei der **„Deutsche Normenausschuß"**, dessen Mitgliedschaft Wüster im Verlaufe der Arbeit erwarb, vielfach vermittelte. Materiell fand das Buch Unterstützung von Seite der Akademie des Bauwesens, die einen wesentlichen Teil der Druckkosten beistellte.

Unser Auge wende sich nun einer kurzen **Sonderbetrachtung** zu. Obwohl die sprachlichen Untersuchungen grundsätzlich — bis auf das letzte Kapitel — ganz allgemein, ohne Beziehung auf Esperanto geführt werden, deutet dem Kundigen so Manches von vornherein auf die **esperantologische Einstellung** des Verfassers. So Aeußerlichkeiten, wie die vielgebrauchten, formelhaft verwendeten, auch dem Fernstehenden sofort vertrauten Abkürzungen: a für Adjektiv, e für Adverb, i für Verb-Infinitiv, o für Substantiv-Nomen (!), u für die übrigen Wortarten; so auch andere sehr bezeichnende Symbole und, wie schon erwähnt, Ausdrucksweise und Zielsetzung. Sachlich aber bietet Wüster dem Esperantologen und Plansprachler viel Neues, klärt bisher unsichere Fachausdrücke, syetemisiert und regt an.

Die **Wortableitung und -Zusammensetzung**, beide immer schon ein wichtiges Thema und Streitobjekt der Plansprachler, steht im Mittelpunkt der Analyse und Kritik. Schon in früheren Veröffentlichungen vertrat Wüster die Anschauung vom **feststehenden Wortcharakter** der Esperantostämme — jetzt mit dem üblicheren Terminus „feststehender Wortstamm„ oder „grammatische Kategorie" bezeichnet. Sie geht bekanntlich auf R. de Saussure zurück und hatte trotz Bekämpfung durch Cefeĉ den Sieg davongetragen. Der Pleonasmus der Wortendung, die der Kategorie entspricht, die Folgerungen daraus *für* Zusammensetzungen, die Ableitungen zweiten Grades und Sekundärmutation (bei Suffixableitungen) u. v. a. Einzelerscheinungen, die damit im Zusammenhang stehen, werden erschöpfend analysiert. Man kann angesichts der weitesten Anwendung dieses inzwischen gefestigten Grundsatzes sich kaum mehr vorstellen, wie die gegenteilige Ansicht seinerzeit überhaupt diskutabel war und zu welchem — idistischen — Ende die Sprachentwicklung des Esperanto ohne diesen geführt hätte!

Das Interesse der technischen Sprachnormung richtet sich naturgemäß auf Begriffs- und Lautform und Bedeutung hauptsächlich des **einzelnen Wortes**, weshalb Wüster im Wesentlichen sich auf Worte und „Wortgruppen" beschränkt, den sogenannten „Ausspruch" (ungenauer auch Satz genannt) fast außer Betracht lassen kann. Für unsere **Terminologie** wird es vielfach vorteilhaft sein, an Stelle mancher üblicher, aber zweideutiger Fachausdrücke die Wüster'schen einzuführen, besonders da, wo, wie schon gesagt, das Wort im Vordergrund steht. Wüster arbeitet z. B. mit den logisch unmißverständlichen Ausdrücken „Oberglied" und „Unterglied", d. i. prinzipale bzw. akzessorische Glosse, soweit beide zusammen morphologisch ein einziges — selbständiges — Wort oder eine „Wortgruppe" (d. h. Verbindung selbständiger Wörter ohne Ausdruck eines Urteils) bilden. Der semologische Begriff „Elementarbeziehung" deckt sich mit dem Terminus Nexus (innerhalb des Wortes). Die Gegenüberstellung „Koordination" einerseits, „Determination", bzw. „Subordination" andererseits umfaßt ungefähr das, was auch mit Adnexion — Konnexion ausgedrückt wird. „Begriffsform"=innere Sprachform. Genauer darauf hier einzugehen, verbietet der Raum.

**Mehrdeutigkeit** der Elementarbeziehung, **Spezialisierung** der Bedeutung, **Begriffsübertragung**, die Folge der freien Sprachentwicklung, stehende Ableitungen, **Homonymvermeidung** durch Wortauslese aus verschiedenen Sprachen und andere hieher gehörige Punkte, die bisher vernachläßigt, werden in ihrer ganzen Wichtigkeit, auch für Esperanto, dargelegt. Der die Grundbegriffe des elektromagenischen Feldes ausdrückende Wörterkomplex — um nur ein Beispiel anzuführen — gibt Anlaß, in Fortsetzung einer früheren Arbeit Wüsters,

